# Esperanto Hamburg



Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Februaro / Marto (1) 2013

## Hamburg bezonas novan ponton trans la Köhlbrand-havenon

### La nuna ponto jam ne sufiĉas por la bezonoj
### Konkretaj planoj ankoraŭ ne ekzistas

Foto /grafikaĵo: Klehr

**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185 b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 883 47
klehr@esperanto-hamburg.de

## Karaj legantoj,

nun, post kiam ni travivis la finon de la mondo laŭ la kalendaro de majaoj, ni do devas plu vivi kaj plu plani nian vivon. Fakte mi ne timis la mondpereon, sed jam en Oktobro plene pagis mian kotizon por la GEK.
Sed jam printempe, en Gresillon de 20a ĝis 27a de Aprilo okazos kursoj kaj KER-ekzamenoj gresillon.org/printempo. Komence de Majo en Hamburg okazos la *Evangelia Eklezia Kunveno*. La organizantoj bezonos helpon ĉe la E-stando en la ekspoziciejo. Kelkaj membroj deklaris sin preta, helpi al *Heti Fischer*, kiu organizas la standon por KELI. La datoj estas 1a ĝis 5a de Majo 2013. (vd. EHH 4/2012).
Poste de la 17a ĝis 20a de Majo la Germana E-Kongreso okazos en Nürnberg, vere vizitinda urbo.

Mi petas niajn membrojn, nepre veni al nia jarĉefkunveno, la 21an de Februaro, ĉar okazos tiam gravaj decidoj.

Fine mi ne volas forgesi, deziri al vi agrablan paskon al vi kaj viaj familioj. La venonta eldono de nia bulteno aperos tuj post pasko.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

**Ne revu vian vivon – vivu vian revon.**

N.N.

**Redaktofino** de n-ro 2/2013: 15-03-12

**Redaktofino** de n-ro 3/2013: 15-05-13

**Redaktofino** de n-ro 4/2013: 15-08-13

# Junulara E-Semajno 2012 (*JES*)

La 4-a JES okazis de 28.12.2012 - 04.01.2013 en Naumburg (Saale) kun 270 partoprenentoj.
La JES okazis en la junulargastejo. La amasloĝejo troviĝos en apuda domo, kiu apartenas al la junulargastejo. La trinkejo estis en la kelo, en ĉambro kiu ankaŭ kutime funkcias kiel trinkejo. Ĉambroj por prelegoj kaj aliaj programeroj estis en tiu domparto, en kiu la dormĉambroj troviĝis. La ejo por la vespera programo kaj la diskejo estis apud la manĝejo, for de la dormĉambroj.
La programo enhavis diversajn lingvo-kursojn, lernado de saltstilzado, kursoj pri masaĝo de manoj, teksaĵpentrado kaj renesancaj dancoj.



**Michael instruas saltstilzadon**



**koncerto**

Fotoj: Alexander



**Tiom multaj partoprenantoj**

Okazis prelegoj kaj diskutoj pri diversaj interesaj temoj kaj kunvenoj de Pola Esperanto-Junularo kaj Germana Esperanto-Junularo. Laborgrupoj okupiĝis pri la retradio *Muzaiko* kaj la Esperanta *Vikipedio*. Muzikon prezentis i.a. *JoMo, Jonny M, Tone, Danghera, Gijom*.
*Carsten Schnathorst* post sia reveno unuafoje prelegis en la klubo. En la JES li estis nomata *KaŜi*, laŭ mallongigo de la nomo. Li estas blinda kaj vizitis la *JES* kune kun *Dominik*.
*Carsten* speciale ĝuis la multan muzikon, sed li ankaŭ partoprenis en lingvokurso, tiel ke nun li flue parolas; pli flue kaj korekte ol kelkaj aliaj membroj.

## Einladung zur Jahreshauptversammlung

Hiermit werden alle Mitglieder des Esperanto-Vereins Hamburg e.V. eingeladen zur Mitgliederversammlung am Donnerstag, dem 21. Februar 2013 um 19.30 Uhr im Kulturladen St. Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.

Folgende Tagesordnungspunkte
sind laut Satzung vorgesehen:

Erstattung des Jahresberichts und des Kassenberichts
Bericht der Kassenprüfer
Diskussion
Bericht des Beirats
Entlastung des Vorstandes
Budget, Beiträge und Pläne
**Diskussion und Entscheidung zur**
**Neufassung der Vereinssatzung**
desgleichen über weitere Vorschläge
Verschiedenes

Im Namen des Vorstands:
Benno Klehr, 2. Vorsitzender

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St.Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg
19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

## Februaro

**1** Öffentliche Lesung im großen Saal im ersten Stock des Kulturladens St. Georg:
*Thorsten Sueße* liest aus seinem Buch: **Toter Lehrer, guter Lehrer**

**7** *Ralph Glomp:* **Ĉeĥov kaj ŝlagro**
El rememoroj de idealisto

**14** *Vesna Stanicic-Burchards:*
**Kien malaperis Jugoslavio kaj kio restis el ĝi?**
Unua parto de la prelego.

**20** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**21** **Jahreshauptversammlung**
**Jarĉefkunveno 19:30 h**

**28** *Benno Klehr:*
**GRAVE (GRAmatika VEspero)**
Komparo (dua parto)

## Marto

**7** Filmo: **Kanaria Karnavalo**
Bunta aŭdvida raporto pri la vintraj popularaj festoj en tiu hispana arkipelago. Belaj virinoj, gaja muziko, malŝparo de lumo, koloro, amuzo kaj fantazio. Kun voĉaj komentoj en Esperanto.
Daŭro ĉirkaŭ 1 horo.

**14** *Gerald Roemer*:
**Novaj soci-ekologiaj organizoj**

**21** *Vesna Stanicic-Burchards*:
**Kien malaperis Jugoslavio kaj kio restis el ĝi?**
Dua parto de la prelego

**27** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**28** **Muziko de Kapriol'!**
Prezentita pere de filmoj de viTubas

**31** **Ĝojan Paskon!**

## Aprilo

**4** *Benno Klehr:*
**Historio de HES**

## Hamburg-Enigmo




Kie troviĝas tiu ĉi konstruaĵo? La nomo „Burgo“ ne indikas pri kio temas.

## Ramazan-Avci-Placo

La placo antaŭ la S-metroa stacio Landwehr nun portas la nomon de 26jara turko, vivanta en Hamburg. Li estis mortbatita de naziaj rasistoj la 24an de Decembro 1985. Li estis unu el la unuaj viktimoj de ekstrem-dekstruloj post la milito en Germanio.
Ramazan Avcı (20. 12. 1959 – 24. 12. 1985 ) kun amikoj atendis apud bushaltejo, vid-al-vide de la gastejo kie la naziaj junuloj kutime kunvenis. La nazioj persekutis la turkojn per klaboj. La amikoj sukcesis fuĝi en aŭtobuson, Ramazan Avcı ne sukcesis eskapi.

## Zamenhoffesto 2012

La Zamenhoffesto en Hamburg okazis la 15an de Decembro vespere en la „ĝardena“ salono en la kulturbutiko, do en la teretaĝo. Tiel ĉiuj povis veni, eĉ Werner, kiu ne sukcesas iri ŝtuparon.
Por nia honora membro *Werner* (81 j.) kaj eĉ pli maljuna Esperantistino *Elena* (90 j.) la klubo mendis kaj pagis taksion, tien kaj reen. Dum la festo ili multe rakontis pri siaj travivaĵoj dum multaj jardekoj en Esperantujo.
La komuna manĝo enhavis salaton, du specojn de viando, miksitajn legomojn, terpomojn kaj deserton.
La festparolado de *Benno* temis pri la estonteco de la klubo kaj la planoj por nova statuto. *Hannelore* prezentis kvizon pri muziko: Ŝi ludis mallongajn pecojn de muziko sur piano, kiujn la ĉeestantoj rekonu kaj divenu la komponiston.
Estis vere malfacilaj divenaĵoj, kiujn ne multaj solvis. Bedaŭrinde ne restis tempo por la prezentado de Pia.
Poste, kiam jam estis foririntaj kelkaj membroj, *Carsten* montris, ke li ankaŭ bone ludas pianon.



**Werner 1974**



**Nürnberg** Foto: Vikipedio

## Ĉu vi jam aliĝis al la Germana Esperanto-Kongreso en Nürnberg?

Eblas rete aliĝi ĉe:

http://esperanto-nuernberg.de/gekanm/alighilo.html

## Novaĵo el la Esperantomuzeo

La nova jaro alportos novaĵon ankaŭ por la Esperantomuzeo en Vieno: Pere de nur 4 eŭroj eblas viziti tri muzeojn de Aŭstria Nacia Biblioteko, t.e. la Esperantomuzeo, la Muzeo por Tergloboj kaj la Papirusa Muzeo. La mondfama Muzeo por Tergloboj same kiel la Esperantomuzeo situas en la palaco *Mollard* en la centro de Vieno. Ambaŭ muzeoj estas unikaj, ĉar la koncernaj kolektoj estas la plej grandaj sur sia tereno en la mondo. Ankaŭ en 2012 venis multaj vizitantoj, ekzemple pli ol 10.000 en la Esperantomuzeon.
Interrete: www.onb.ac.at



Foto: Esperantomuzeo

# Kastoroj en Hamburg

Ek de kelkaj jaroj oni jam atendis ilin: Post 200 jaroj, kiam oni estis mortiginta la lastan kastoron en Hamburg, nun kastoroj eĉ sukcesis pasi tra la hamburga haveno. En la orientaj kamparaj regionoj de Hamburg kastoroj jam alvenis antaŭ kelkaj jaroj, sed tie en *Vierlande* ne estas industrio, nek haveno. Oni ne estis certa, ĉu kastoroj povus sukcesi tamen atingi pli okcidentajn lokojn en la urbo. La haveno kun industrio kaj bruo ŝajnis tro timiga por tiuj bestoj. Montriĝis, ke la skeptikuloj ne pravis. La naturo ĉiam prezentas surprizojn: Apud la aviadila fabriko de *Airbus* en *Finkenwerder* vivas kastoro, kaj la regule pasantaj aviadiloj kiuj forflugas kaj alvenas ĉe *Airbus* evidente ne forpelas ĝin.



Foto: Vikimedia

# Donacu Librojn




Se vi havas librojn, kiujn vi ne plu bezonas, sed ne volas forĵeti, donacu ilin al la societo *Aktion Buch*. Ili transdonas librojn al socialaj institucioj aŭ al bibliotekoj. La reston ili vendas je favoraj prezoj kaj donacas la monon komunutile. En Hamburg estas vendejo en la *Komerca Centro Mundsburg*, Hamburger Str. 1 kaj Loko por alporti librojn estas en Winterhuder Weg 29. Se vi volas donaci pli ol 100 librojn, ili senkoste portas la librojn el via loĝejo. www.aktion-buch.de

---

# 10 milionoj da gastoj en 2012

La haveno de Hamburg suferas pro la mondvasta malkresko en la ŝiptransporto. La havena entrepreno HHLA en 2012 perdis 7% en enspezo kaj 12% en profito.
Sed la turismo en la sama tempo kreskis je proksimume 50%. La urbo estas unu el la plej ŝatataj en Eŭropo. Por viziti la kristnaskajn foirojn en la urbo, venis klientoj el multaj landoj, kie tiu tradicio ne ekzistas. Ĉi-foje oni daŭrigis la foirojn unuafoje eĉ post kristnasko por tiuj gastoj, kiuj nur venis tiam.
En 2013 la urbo atendas multajn gastojn, kiuj vizitos la ekspoziciojn pri ĝardenoj kaj arkitekturo, ek de Aprilo.

# Solvo de Hamburg-Enigmo



En la iama *Bugenhagenkirche* apud *Biedermannplatz* en Hamburg-Barmbek nun funkcias privata teatro kun la nomo *Die Burg.* La nomon oni elektis unue pro la aspekto de la konstruaĵo kaj ankaŭ laŭ la vortoj de *Martin Luther*: „Ein feste Burg ist unser Gott“ (Fortika burgo estas nia Dio). Tamen la teatro ne estas speciale kristana teatro; oni respektas la lokon, kiu iam estis preĝejo.



# OEKE kritikas Germanion

(Laŭ artikolo en *Die Welt*)

Sciencistoj de la *Organizaĵo pri Ekonomiaj Kunlaboro kaj Evoluigo* (OEKE) opinias, ke la nova „prizorgada monpago” (100 €) por patrinoj, kiuj ne sendas siajn infanojn al senkosta infanvartejo, sed mem prizorgas la antaŭ-lernejajn infanojn – kaj do ne laboras, kiel kontraŭ-eduka rimedo, kiu krome estas taksata kiel kontraŭ-virinlabora kaj kontraŭ-integriĝa obstaklo por enmigrintoj.

Laŭ studio el aliaj landoj, tiaspecaj subvencioj speciale malaltigas la nombron de laborantaj enmigrintinoj; en Norvegio estis minus 15%.
La prizorgado de infanoj en ŝtataj vartejoj jam antaŭ la lerneja tempo krome plibonigas la ŝancon de la infanoj, ricevi fruan germanlingvan edukadon por pli facile integriĝi en la socio.

Tiel la junaj enmigrintoj de la dua generacio ricevas pli bonajn eblecojn pri klerigo kaj sukceso en siaj vivoj.
La opozicio en la germana parlamento jam antaŭ la akcepto de la nova leĝo nomis ĝin „forno-premio“, kiu estus retro-paŝo al malnova sociala sistemo, en kiu la viro laboras kaj la virino restas ĉe la infanoj.

# Doktoro Frenezo: *Dorsaj doloroj*




**Originala komikso de *KAYSN***

## Hamburg estas la vento-energia ĉefurbo de Eŭropo

En Hamburg pli ol 600 entreprenoj laboras pri vento-energiaj instalaĵoj. La produktanto Nordex antaŭ kelkaj semajnoj akiris kontrakton por liverado de ventenergiaj instalaĵoj en Sudafriko kun valoro de 80 milionoj da eŭroj. La vento-parko *Red Cap Kouga* kun 32 turbinoj jam estas la dua sukceso de Nordex en Sudafriko.

## Gresillon en printempo

La Kulturdomo de Gresillon organizas sian trian
PRINTEMPAN SEMAJNON
de la 20a ĝis 27a de aprilo 2012
kunlabore kun ILEI.

Vi povas ekde nun informiĝi : gresillon.org/printempo
Profitu redukton de 10% por aliĝo ĝis la 20a de februaro
http://gresillon.org/aligho

## Beboj en kvaranteno



**Bebo en kovilo** Foto: Vikimedia/Thomas Hartwell

En la malsanulejo en Hamburg-Barmbek ek de kelka tempo speciale antaŭtempe naskitaj beboj estas traktataj, kvazaŭ ili portus ekstreme danĝerajn bakteriojn. Neniu rajtas senprotekte tuŝi ilin. Sed fakte estas la mala kaŭzo: La beboj estas protektitaj kontraŭ la bakterioj de la aliaj, do ankaŭ la gepatroj devas porti sterilan vestaĵon kaj tukojn antaŭ la buŝo. Post kiam oni estas ekzameninta la gepatrojn por eltrovi, ĉu ili portas danĝerajn rezistemajn bakteriojn, ili rajtas senpere tuŝi la bebon. Tiun regulon oni enkondukis en la kliniko, por eviti tian skandalon, kiel okazis pasintjare en granda kliniko en Bremen, kie pluraj frunaskitoj mortis pro rezistemaj bakterioj.

## Karbonfadena lampo el Hamburg

La *Kulturbutiko,* kie ni kutime kunvenas, troviĝas proksime al historie interesa loko: Tie en 1862 la vitro-blovisto *Carl Heinrich Müller* (1845–1912) inter la stratoj *Steindamm* kaj *Alexanderstraße* komencis per la produktado de vakuaj vitraj tuboj. Li eksperimentis pri la produktado de elektraj lampoj. En 1889 li jam vendis plurajn tipojn de funkciantaj lampoj laŭ la sistemo de la anglo *Joseph Wilson Swan* (1828–1914), kiu en 1878 jam sukcesis prezenti uzeblan lampon, kies karbonfadeno pli longe ne foruziĝis, ol tiu de *Thomas Alva Edison*, kiu tamen rezervis al si la patenton pri la elektra lampo en 1879. Post disputo Edison kaj Swan fondis komunan entreprenon. S-ro Müller el Hamburg estis tre sukcesa kun siaj lampoj, kiuj ankaŭ havis karbonfadenon,kiu fariĝis malrompiĝema per sulfura acido, kiel faris Swan. Li ankaŭ transprenis la soklon, kiun inventis Swan: La bajonetan soklon.
Sed s-ro Müller ne estis vera komercisto, kiu volis gajni pli da mono. Li pli interesis pri eksperimentado.
Do li komencis konstrui novajn tipojn de Vitraj tuboj: Ek de 1896 li produktis rentgenajn tubojn.
En 1924 Müller ankaŭ konstruis radioteknikajn vitrajn tubojn kaj vendis ilin kun la markonomo Valvo.
Sur la tomboŝtono de *Müller* en la tombejo de *Ohlsdorf* en la kampo V30 oni trovas la nomon, per kiu li estas konata en Hamburg: *Röntgenmüller.*